REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

FONDITA en 1908 - TRIA SERIO

30-a Jaro - No 212 - Okt. 1962

FRANCA ESPERANTISTO

34, Rue de Chabrol. Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.

# Edmond Privat ★ 1889-1962



La anoj de la Unua Esperantista Kongreso en Bulonjo-ĉe-Maro (1905) estis tre surprizitaj, renkontante inter si junan knabon, gimnazianon, kiu ne nur parolis tre facile la lingvon, sed partoprenis en la diskutoj kun escepta matureco de spirito kaj vera elokventeco. Tiu knabo estis EDMOND PRIVAT, kaj mi devas malgaje diri, ke kun li malaperas unu el la plej malnovaj kaj plej talentaj samideanoj.

PRIVAT naskiĝis la 17-an de Aŭgusto 1889, en ĜENEVO, kaj en 1903 li lernis Esperanton, kaj fondis kun sia intima amiko H.HODLER revueton "Juna Esperantisto". En 1905, kiel mi skribis, li partoprenis la Kongreson de Bulonjo-ĉe-Maro kaj tiel konatiĝis kun la tuta esperantista movado. Li ne timis tiam projekti la organizon de la 2a universala kongreso en Ĝenevo (1906), kaj tiucele li fondis kun sia amiko H. HODLER kaj P. BERTHELOT esperantistan librovendejon, la unuan, sur la kajo de la "Rhône". Poste PRIVAT ne ĉesis propagandi la lingvon, redaktante kun HODLER la revuon "Esperanto", fondante la U.E.A., partoprenante en multaj konferencoj kaj komitatoj kunvenantaj en Svisujo por propagandi, inter ili, la uzon de Esperanto. Li tiel prezentis ĝin al la Ligo de Nacioj (kies Delegito li estis por Persujo), al la Internacia Laboroficejo, al la Universala Telegrafa Unuiĝo, ktp...

Ĉeestinte multajn esperantajn kongresojn, li rimarkiĝis per sia

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**SECRETARIAT : Mlle Y. PAULIER** - Le secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h à 12h et de 14 h à 18 h.( sauf dimanches et mardis ). Pour toute réponse, joindre un timbre ou une enveloppe timbrée à votre adresse. Pour tout envoi d'argent précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.

**REDACTION : M. Pierre PETIT** UEF 34 rue de Chabrol - PARIS (10ème) .
Téléphone : PRO. 55-03

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture** et la correction ( double interligne ). **Tous les articles ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

**COTISATIONS** : Le détail en a paru dans le précédent numéro.


xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

speciala elokventeco. Plie, PRIVAT verkis Historion de Esperanto, Vivon de Zamenhof, Studlibron "Karlo" versan dramon "Ginevra" kaj aliajn verkojn. PRIVAT estis bonega lingvisto: li studis en Parizo kaj en Svisujo, multe vojaĝis tra Usono, Anglujo kaj Francujo, kaj profesie laboris kiel supera profesoro en svisa universitato.

Li ne ĉesis propagandi Esperanton kaj ĉeesti kongresojn ĝis tiuj lastaj jaroj. Lia malapero estos tre malgaje sentata de ĉiuj samideanoj kaj speciale de tiuj, kiuj konis lin de lia alveno en nian esperantistan rondon, kaj konservis por li, dum pli ol duonjarcenton, admiron kaj amikecon.

Gabriel CHAVET
=============

Pri la forpaso de S-ro PRIVAT, ni ankaŭ ricevis la sekvantan leteron de S-ino J. ISBRUCKER:

Kvankam mi jam en la jaro 1909a, bone konis la nomon de D-ro Privat, la nelacigebla laboranto por Esperanto, kaj vidis lin en la kongreso en BERNE en 1913, mi konatiĝis kun li persone en la jaro 1920 kiam ni organizis la unuan kongreson post la unua mondmilito en Hago. Liaj brilaj paroladoj, brilaj, ne nur laŭ oratora vidpunkto, sed ankaŭ laŭ riĉeco kaj profundeco de la enhavo, impresis ĉiujn, kiuj aŭdis lin. Dum ĉiuj postaj jaroj, mia edzo kaj mi restis en bona amikeco kun li. Kiam li informis min en la printempo de ĉi tiu jaro, ke li kaj lia edzino vizitos la italan banlokon ABANO, proksime de la urbo PADOVO, mi, kvazaŭ havante antaŭsenton pri lia baldaŭa morto, decidis renkonti ilin tie. Li kuraĝe suferis la akrajn dolorojn, kiujn li nur en la varma mineralakva naĝbaseno ne sentis. Sed malgraŭ ĉio, tiu kuracado ne helpis lin.

Tre agrable estis por li, ke dum la restado en Abano grupeto da fervoraj esperantistoj el Padovo vizitis lin en la hotelo, kie ni havis vere amikan kuneston.

Ke D-ro PRIVAT povis tiel multe fari por nia komuna lingvo, ni dankas grandparte al lia simpatia kaj sindona edzino, S-ino Yvonne PRIVAT kiu dediĉis sian tutan vivon al li kaj lia laboro! Dankon al ambaŭ.

Julia ISBRUCKER

# K O N G R E S O   E N   K O P E N H A G O

## Kelkaj Eksterkongresaj Impresoj

Bierfabrikejoj -Ni havis la okazon viziti la fabrikejon CARLSBERG, kiu havas 3000 gelaboristojn, kaj ŝajnas esti sufiĉe moderna. Tie mi lernis, ke oni fabrikas jare 500 milionojn da I/3 litraj boteloj de biero. Plie, 110 milionojn da mineralakvoj. Estas diversaj kvalitoj. La plej ordinara biero estas senalkohola; poste por la kafejoj estas 3% da alkoholo. Por eksportado, de 6 ĝis 8%. Kompreneble estas sufiĉe altaj impostoj de la ŝtato, sed la gvidantoj emfazis plurfoje ke la profito iras al la kulturaj celoj de la lando. Same por la dua fabrikejo TUBORG. La tria fabrikejo kiu estas kooperativa, donas siajn profitojn al la laboristaj sindikatoj. Do oni ripetas konstante: "Trinku, bieron, kaj vi helpos al la kulturo". Por fini, ni povas mencii, ke oni bezonas multe da akvo por fabriki bieron: por botelo de I/3 da litro, 6 litroj estas necesaj!

Ekonomio - Laŭ la respondoj de niaj amikoj, la vivnevelo estas sufiĉa alta. Ekzemple, bona laboristo ĉu mekanikisto ĉu ĉarpentisto, gajnas minimume 7 NF pohore kaj masonisto, eble pro sezona laboro, ricevas 8 ĝis 10 NF pohore.

Tajpistino ricevas monate inter NF 550 kaj 650, kaj se ŝi konas plurajn lingvojn NF I00 ĝis 1100.

Nun ni devas kompari kun la kosto de la nutraĵo: la nigra pano kostas NF 1,20 po kilogramo, kaj la blanka NF 1,50; la butero NF 6,30 po kg, viando de bovo, de 6,70 ĝis 12,oo. Ordinara porkaĵo 6,30; la ovoj inter o,17 kaj o,23.

Do, evidentiĝas ke la nivelo de vivo estas pli alta ol en Francujo, kaj la Danoj povas pli multe aĉeti. Por malpliigi tiun eblecon, la registaro enkondukis novan imposton komence de aŭgusto 1962 (aĉetimposton) je 9% por ĉiuj varoj escepte por la manĝaĵo. Pro la sama kialo, la prezoj de la veturiloj estas 33% pli altaj ol en Francujo sed la benzino kostas nur la duonon.

Franca samideano, kiu havis rilatojn kun ĝardenistoj en Kopenhago, diris al mi ke tiuj viroj laboras nur 4 I/2 tagojn semajne, entute 32 horojn semajne. Ili estas liberaj ekde vendrede posttagmeze. Tamen la semajno havas por la plimulto 45 laborhorojn.

Same kiel en Francujo, la feria tempo de la laboristoj estas 3 semajnoj jare, sed oni povas, inter konsente havi du semajnojn somere, kaj unu vintre.

En dana domo, mi vidis ĵus instalitan centran hejtilon per oleo, kun oleujo de 2500 litroj. Tio kostis nur NF 2I00,- tio estas la duono de la franca prezo.

Domoj: Niaj danaj amikoj estas tre gastemaj kaj mi havis la okazon viziti iliajn domojn. La plej frapa aranĝo estas la verdaj kreskaĵoj, kiuj troviĝas ĝenerale laŭlonge de la fenestroj por la plezuro de la loĝantoj sed ankaŭ por la eksteraj preterpasantoj, kiuj povas ĝui la belan aspekton de multnombraj fenestroj. La atmosfero de la ĉambro kie oni vivas estas agrabla kaj ĝi estas la muzeo de la familio. Oni vidas diversajn objektojn kaj bildojn kiuj memorigas al la familio diversajn travivaĵojn. Estas utile por la longaj vesperoj de la vintro.

Prefere, la Danoj havas apartan dometon kun ĝardeno, kies plej granda surfaco estas verda herbo bone tondita.

Menciinda fakto estas, ke la leterportistoj alportas la leterojn al ĉiuj etaĝoj de la domoj. Feliĉe, maksimume estas tri aŭ kvar etaĝoj en la domoj de la urbo.

Angla influo: ĉie oni povas esti komprenata parolante iom angle. Eĉ tramisto uzas tiun lingvon. Ĉu pro fakto ke venas multe da Usonanoj, ke Danujo vendas multajn manĝaĵojn al Anglujo, ĉu pro kontraŭ-germana influo aŭ militistaj kaj maristaj kialoj? Tamen, kelkfoje, oni rimarkas kelkajn francajn vortojn ĉe la magazenoj, kaj oni vidas nomojn en franca lingvo.

La laboristoj kelkafoje uzas ne nur milimetrojn kaj metrojn, sed ankaŭ la anglajn mezurojn.

Ĉe dancejoj, oni ofte dancas la malrapidajn anglajn dancojn kun mal novaj arioj.

Manĝaĵoj - La Danoj ne estas sklavoj, kiel ni, de la horo de la manĝado. Plie, ili kutime havas nur unu varman manĝon post la laboro, ĝenerale je la kvina horo. Matene, ili pli multe manĝas ol ni, kaj intertempe oni povas havi dum la tago "smörrebröd", tiuj estas panpecoj kun salato, fiŝo, viando, ovo, kokidaĵo.

En restoracio, oni povas bone manĝi, sed Francoj povas esti surprizataj pro kelkaj miksaĵoj de salitaj kaj sukeritaj aĵoj en iu plado.

La registaro faras specialan propagandon pri la dana kuirarto. Apud la stacidomo estas salono, kie oni montras la manierojn kuiri, kaj oni povas gustumi senpage diversajn nutraĵojn.

Diversaĵoj - Ĉiuj aŭdis pri la parko "TIVOLI", kie estas multnombraj amuzaĵoj, same kiel en popola foiro. Plie, estas teatroj, dancejoj, restoracioj. Ofte vespere estas fajraĵoj kaj kolorigitaj fontanoj. Laŭdire, la kreinto konstruis tiun parkon por kompenso kontraŭ la enuigaj politikaj aferoj. La "ĝardeno" ĵus festis 150 jaran jubileon

Oni devas mencii, ke estas alia TIVOLI ok kilometrojn norde de la urbo, en arbaro. La nomo estas Bakken (la Monteto). Estas pli vasta, kaj eĉ vi povas vidi "streaptease"! En multaj kafejoj de la urbo, oni povas danci, ĉefe apud la nova haveno, kien venas multaj maristoj el la tuta mondo. Tie oni manĝas - trinkas, dancas, kantas, eĉ kelkafoje batalas! En tiu loko, oni povas ricevi tatuaĵojn sur la haŭto.

Oriente de la urbo ekzistas ankoraŭ tri lokoj, kiuj permesas al la popolo amuziĝi: estas dometoj en ĝardenoj, kie oni povas alporti sian propran manĝon kaj trinki (same kiel en francaj "guinguettes).

Pri muzeoj, ekzistas la Nacia Muzeo, kie ekzemple oni povas vidi malnovajn objektojn: tie estas restaĵoj de 19-metra boato kaj skeletoj en trunkoj de arboj, kiuj datumas de 2000 jaroj. Mi ne havis tempon viziti la Artan Muzeon aranĝitan de la firmao CARLSBERG, sed mi multe ĝuis la viziton de la Akvario ĉefe ĉar mi havis la bonŝancon ĉeesti la momenton de la nutrado.

Oni povas manĝi ĉe 17-etaĝa restoracio "EUROPO" de kie oni bone vidas Svedujon kaj la urbon Malmö, je 16 km.

Estis speciala surprizo por mi, kiam mi eniris en banejon ĉe la maro: ĉiuj viroj estis tute nudaj. Oni diris al mi, ke la virinoj, en alia aparta loko, same ne havas bankostumon!

Pri sportoj, mia gvidanto diris

al mi, ke estas strikta disciplino: sportulo devas nek fumi, nek trinki alkoholaĵojn, kaj manĝi laŭ higiena maniero. Se ne, li estas forĵetata de la klubo (tio kompreneble nur kiam ili ekzercas antaŭ gravaj konkuroj!)

La politikaj grupoj ne estas tro gravaj, eble pro la fakto ke la sociala partio, kiu nune gvidas la landon, bone kunlaboras kun la reĝa familio por la prospero de la lando

La virinoj estas tute sendependaj kaj eĉ oni vidas kelkajn fumante cigarojn en publikaj lokoj.

La loĝantoj certe estas honestaj kaj disciplinitaj, ĉar oni rimarkas tre malmulte policistojn sur la stratoj.

Esperantista Movado - La Parizanoj povus envii la Kopenhagan organizon: estas 5 grupoj, du neŭtralaj unu laborista, unu studenta, unu fervojista, kiuj bone kunlaboras por specialaj manifestacioj. Estas entute 500 pagantaj samideanoj en la grupoj. La plej grava neŭtrala grupo agas tute moderne: ekzemple, ĝi elspezas 700 NF. por reklami por la vintraj kursoj, inter la 10-a de aŭgusto kaj la 30-a de septembro. Ili komencas frue por kapti gelernantojn por tiuj vintraj kursoj, kiuj daŭros de oktobro ĝis la fino de marto.

Tiu asocio kreis fonduson por havigi Esperanto-domon; jam ĝi kolektis 7000 NF(

Konkludo: La dana popolo estas tre afabla kaj simpatia. La urbo Kopenhago estas bela kun siaj multnombraj kupraj tegmentoj,belaj konstruaĵoj,larĝaj avenuoj kaj proksimeco de la haveno. Plie estas ĉarma kaj gaja urbo. Persone, mi ne konas pli gajan lokon, almenaŭ somere.Tie evidente valoras restado.

Jean GUILLAUME

## U R Ĝ A  A L V O K O

La Junularasocio "Metilernantaj Muelejoj" el PIOT, apud Chénier en departemento Creuse (Francujo), kiu estas la ĉefkolonio de tiu nacia kaj internacia Asocio serĉas familion, kies edzo povus gvidi tiun asocion kaj plie esti rivergardisto dum la edzino, krom la kuirado, povus havi sekretarian laboron(maŝinskribado) en la asocio dum la vintra sezono.

Preferinde oni dungos geesperantistojn parolante franclingve.

Oni skribu al Esperantista Federacio de Centra Montaro, 58 avenue des Landais, Clermont-Ferrand (PDD) aŭ al Sinjoro CHAREILLE, prezidanto de la Metilernantaj Muelejoj, en Bonnat (Creuse - Francujo).

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxox

## N E K R O L O G O J

Nia agema samideano E. MOTILLON, en Tours, sciigis al ni la forpason de sia kara edzino,

kaj S-ro F.MAZAUDON avertis nin pri la morto de sia patro, kiu aktive laboris en nia movado antaŭ la lasta milito;

LUCIEN THEVENIN, longtempe delegito de U.E.A. en Saint-Etienne, en la aĝo de 71 jaroj, mortis. Dum sia esperantista vivo, li gvidis multajn kursojn, tradukis versojn el niaj grandaj poetoj (inter ili la Fabloj de La Fontaine), kaj verkis ĉarman poemaron sub la titolo "La Vana Kanto".

Niajn sincerajn kondolencojn al iliaj familioj.

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxox

## A T E N T U !

La abono al NORDA PRISMO, literatura revuo, kostas nur I2 NF. Subtenu ĝian aperadon!

# TOUS A GRESILLON POUR PAQUES I963

Le grand succès remporté par la Semaine Culturelle, lors des fêtes de Pâques 1962 au Château de Grésillon, a incité le Conseil de l'Union Française pour l'Espéranto à donner son accord pour une Deuxième Semaine à Pâques 1963 (du 1 au 7 avril).

C'est à une véritable semaine internationale culturelle que sont conviés les Espérantistes et particulièrement les Elèves des cours d'Espéranto de nos Ecoles Normales.

Monsieur le Professeur LAPENNA, Secrétaire Général de notre grande Association Internationale, avant de se rendre à Rotterdam pour la réunion du bureau de U.E.A. s'arrêtera à Grésillon pour y donner deux conférences.

Monsieur le docteur ALBAULT membre du bureau de U.E.A., chargé des Affaires Culturelles, fera profiter les stagiaires de son savoir par d'agréables causeries.

La plupart des conférenciers de la précédente semaine culturelle viendront à Grésillon, et donneront sur leur violon d'Ingres les suaves mélopées de leurs connaissances.

Le Château de Grésillon connaîtra, nous l'espérons, durant les prochaines fêtes de Pâques, une grande activité, car les Universités Populaires y tiendront également des séances de travail du 8 au 15 avril.

Il sera également décidé, durant ces stages, de la participation de nos jeunes élèves au Forum des Universités Populaires 1963 et à la Conférence Internationale pour l'Enseignement de l'Espéranto dans les écoles (fin juillet 1963) à Ljubljana (Yougoslavie).

Rendez-vous donc le Ier avril au Château de Grésillon et croyez-moi, mes chers Amis, ce ne sera pas **un** poisson!

René LLECH-WALTER
Président de U.F.E.

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxox

## LE 55ème CONGRES NATIONAL D' ESPERANTO

aura lieu à

PERPIGNAN (Pyrénées-orientales)

les 1 - 2 & 3 Juin 1963

avec Excursion en Espagne.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## CONSEIL D'ADMINISTRATION DE U.F.E.

Les Membres du Conseil d'administration sont priés d'assister à la réunion qui aura lieu le DIMANCHE 9 DECEMBRE 1962 à 9 Heures au Siège, 34 rue de Chabrol à PARIS

D'importantes questions sont à l'ordre du jour. Une convocation spéciale en fixera la teneur.

Le Président de U.F.E.

oooooooooooooooooooooooooooooooooooo

## AU DEBUT DES COURS

Prévoyez, au minimum, la cotisation de 1,50 ou 3 NF pour l' adhésion nationale et internationale

Acquitter régulièrement ces cotisations c'est

CONTRIBUER AU RAYONNEMENT DE L'ESPERANTO DANS LE MONDE!

# *TEJO*

## UNUAJ MEMORAĴOJ PRI LA 18-a I.J.K.

Preskaŭ ĉiuj kongresanoj jam interkonatiĝis dum la Universala Kongreso aŭ en antaŭaj TEJO-Kongresoj. Nur kelkaj nekonataj Ystadanoj kiuj prizorgis niajn kutimajn aranĝojn ne ĉeestis en Kopenhago.

Mi unue dankas la LKK, kiu bone eluzis niajn kotizojn, iom pli altajn ol kutime.

Sed mi devas raporti pri la kongreso, kaj ne tro babili. Post alveno al la industria urbo Malmö, ni interkonatiĝis en la ejo de la loka klubo, antaŭ frue enlitiĝi!

Dimanĉe, ni vere komencigis la kongreson: ni forveturis al YSTAD, rondveturante tra Suda Skanio. Ni unue eniris en nian belan loĝejon (ne komunan), kiu konsistis el tri konstruaĵoj: en la unua estis la restoracio kaj kelkaj ĉambroj en la mezdomo estis la precipaj dormĉambroj kun supervido al la maro, kaj en la lasta, nia kongresejo bedaŭrinde malofte libera.

Post la unuaj kontaktoj kun la manĝaĵoj, okazis la oficiala malfermo; nia estimata prezidanto G. BECKER malfermis nian kongreson kaj la aplaŭdojn tuj sekvis la balo dum kiu la nova "Fraŭlino Esperanto" estis elektata (Marianne BERGMANN, el Svedujo).

Lunde okazis unue diskuta grupo pri neŭtraleco kaj alianco, kie la partoprenantoj estis iomete malmultaj. Preskaŭ ĉiuj, kiuj ĉeestis, estis neŭtraligitaj eble kaŭze de la temo. Posttagmeze, ni vizitis la trabfakan urbeton YSTAD, kaj bankedetis kun la urbaj aŭtoritatuloj kaj renkontiĝis kun la sola reprezentanto de la junularlokaj organizoj.

Mardon partoprenis kvin junuloj en la oratora konkurso: nia jugoslava amiko Z. SVOBODAN gajnis la unuan premion pri la temo "Esperantismo antaŭ 50 jaroj k. Esperantismo nun". La dua premiito estis F-ino H. LUKESCH el Germanujo pri "Utileco de Sputnikoj". Sekvis prelego de nia nova UEA - Prezidanto, Prof. YAGI pri "Junularo kaj Unesko Movado" kaj mallonga diskutado pri iliaj komunaj agadoj kaj rilatoj. Interesa temo kaj bonege kondukita pere de Prof.YAGI, kiun ni tutkore aplaŭdis pro lia bona dokumentparolado. Finiĝis la vespero per diskuta grupo pri "Esperanto kaj la evolulandoj" kaj aŭskultado de "amerik sveda muziko" kiel diris iu aŭdante ĵazmuzikon anstataŭ tipan popolan muzikon.

Merkredo estis la tago "T" por la franca movado. La estraro denove ŝanĝis, kaj tre vasta laborplano estis preparita. Post tiu kunsido, la komitatanoj de TEJO kunvenis kaj la ne-komitatanoj vizitis Ystadmetalfabrikejon.

Kion diri pri la sporta konkurso kiu okazis en la novkonstruita banhalo de Ystad; okazis nur du naĝkonkuroj kaj ne la kutimaj aranĝoj t.e kurado, saltado, ktp...

Post la evangelia diservo en la Sankta Maria preĝejo, ni finfine vidis kaj aŭskultis la famajn "ĥorn blovistojn", kiuj estas tradiciaj personoj de la mezepoko. Ĉiu kvaron horo ili blovas en siaj longaj trumpetoj ekde la naŭa vespere ĝis la tria matene. Tiun rondiron sekvis la kvieta vespero, kiu bedaŭrinde ne valoris la subĉielan vesperon en Wockingham (ĉiuj ĉeestintoj kompreno s!). Oni precipe kantis kaj aŭskultis nian talentplenan amikon IAN DAVISON (Skotlando), kiu ludis gitaron.

Ĵaŭde okazis la ekskurso tra Skanio. Oni vidis multajn aferojn: reĝtombon faritan el rondaj ŝtonoj amasitaj kiel piramideto, ŝtonvikingan ŝipon. Post vidado de vitraĵ fabrikejo kaj malnova bienego, ni faris la plej bonan viziton de la

tago: rondiron tra glaciaĵfabrikejo kun abunda disdono de diverspecaj glaciaĵoj.

Vespere oni ne ankoraŭ rajtis dormi, sed nur vidi filmon pri Svedujo.

Vendredo vidis la kutiman ĝeneralan kunsidon de TEJO kaj ekskurson al la presejo de la loka gazeto Posttagmeze, Prof. Dro LAPENNA prelegis kaj enkondukis diskutadon pri la sekvanta temo: "Kiel oni igu alloga Esperanton?"

Ni bone tagmanĝis kiel kutime kaj partoprenis en la melankolia adiaŭa vespero.

Kaj sabate, S-ro BECKER bone mal fermis (pardonu!! fermis) la I8-an kongreson de T.E.J.O.

Konklude, ni ankoraŭ dankas la L.K.K.'n pro la bonega semajno forpasita en Ystad de la 80 partoprenintoj el 13 proksimaj kaj malproksimaj landoj.

Jean-Michel PERRIN

=================

SERIOZAJ OKUPOJ DE LA TEJO KONGRESO
====================================

La Estraro kaj Komitato de TEJO, kunsidis dum proksimume 20 horoj - kaj ili eĉ urĝe laboris vespere ĝis la 23-a!! Partoprenis tiujn kunvenojn 13 komitatanoj el Britujo (1) Bulgario (3), Francujo (1), Germanujo (1), Italujo (1), Jugoslavujo(1 Pollando(2), Svedujo(1) kaj unu de S.T.E.L.O., krome observantoj el Belgujo, Danlando, Nederlando, landoj kiuj ankoraŭ ne havas oficialan sekcion de T.E.J.O.

La nova estraro de TEJO konsistas el:

G.BECKER (Germanujo) prezidanto
S.SIMEONOV (Bulgario) informa fako
C.MINNAJA (Italujo) fakaj sekcioj
M.PIETRZAK (Pollando) sekretario
H.TONKIN (Britujo) kasisto
S.ZLATNAR (Jugoslavio) kulturaj aferoj
I.OSIBOV (Jugoslavio) redaktoro de "Juna Vivo".

Ni ankaŭ longtempe kaj detale ekzamenis, diskutis kaj fine akceptis la ampleksan laborplanon de T.E.J.O. prezentita de nia ĝenerala sekretario P. MAREK.

Ankaŭ la Francoj, kiuj ĉeestis la kongreson, kunsidis (inter la balo kaj la oficiala akcepto de la urbestraro) kaj la rezulto de iliaj kunvenoj estas

NOVA ESTRARO DE J.E.F.O. (1962/63):

Prezidantino:
Christiane GARRIGUE, 34 rue Vauvenargues en Marseille (7)

Kasisto-Sekretario:
Jean-Michel PERRIN, r.Ulysse Pallu, en Mont-de-Marsan (Landes)

Eksterlanda Sekretario:
Alain RINGOTTE, 72 rue J. Michelet, en Roubaix (Nord)

KOTIZOJ:

| | |
|---|---|
| malpli ol 17 jaroj........ | 6,50 NF |
| de 17 ĝis 21 jaroj........ | 8,oo NF |
| de 21 ĝis 25 jaroj........ | 10,oo NF |

Poŝtĉekkonto: Madame PARAVY, rue Ulysse Pallu en Mont-de-Marsan; (Bordeaux I7.2I.72).

Ne forgesu ĝin... kaj petu aliĝilon al la Kasisto-Sekretario.

La Prezidantino:

Christiane GARRIGUE

==================

x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x

GEJUNULOJ
================

Ĉu vi ŝatos gajni 100 sved.kronojn? do legu atente:

Unua Literatura Konkurso por la premio de "J. E. S."

Regularo:

- JES, en Malmö, estigas inter ĉiuj junuloj esperantistaj literaturan

konkurson por la premio "J.E.S."
- La konkurso estas anonima. Oni skribu sur ĉiu konkursaĵo pseŭdonomon kaj en aparta fermita koverto oni aldonu siajn nomon kaj adreson.
- ĉiuj prozaj/poeziaj konkursaĵoj en ne limigita kvanto, estu sendotaj en tri maŝinskribitaj ekzempleroj al la sekretario de la konkurso.
- la juĝkomisiono havas je dispono du premiojn: 100 kaj 50 svedaj kronoj;
- la konkurson ne rajtas partopreni la anoj de JES kaj la juĝantoj.
- "Kvinpinto" organo de la sveda esperantista junulara Unuiĝo detenas por si la rajton publikigi la premiotajn kaj aliajn konkursaĵojn.
- Limdato por la ricevo de la konsursaĵoj estas la 15-a de decembro 1962. La rezulton oni diskonigos la 28-an de januaro 1963.
- Sendu ĉion al:

S-ro FRANKO LUIN
"J.E.S.-konkurso"
Dag Hammarskjolds Vag 2
LUND (Svedujo)

=o=o=o=o=o=o=o=o=o=o=o=o=o=o=o=o=o=

## LA 29-a KONGRESO DE I. K. U. E.

okazis en Romo de la 14a ĝis la 21a de Aŭgusto, tuj post la Universala Kongreso en Kopenhago. Ĉeestis 300 personoj el 21 landoj.

La kongresejo troviĝis sur monto kie staras la Internacia Centro Pio XII. La unuan tagon okazis la junulara interkona vespero. La morgaŭan tagon, la kongreso estis malfermita de Pastro BECKERS, prez. de I.K.U.E

Dum tiu kongreso, la kongresintoj partoprenis papan aŭdiencon en "Castelgandolfo", elektis la novan estraron de la;Asocio, kaj la junuloj fondis la Junularan Sekcion sub la nomo "La Alta Flugo" (L.A.F)

La 30-a kongreso okazos post du jaroj en Hispanujo.

## ESPERANTISTA SKI-FERIO EN SVISLANDO

De la 26-a de decembro 1962 ĝis la 4-a de januaro 1963 en ABELBODEN (en la Bernaj Alpoj) okazos skiferia semajno. La tuta restado kostos (nur) 330 stelojn; tiu sumo enkalkulas loĝadon-hejtadon-manĝadon-akcidentasekuron. Krom tio nepra kondiĉo por aliĝi: PAROLI ESPERANTON!

Se vi skribos (aldonante respond kuponon) al F-ino Cosette GIROUD, 8 Jonquilles, en LA CHAUX-DE-FONDS (Svisujo), vi ricevos informan faldfolion kaj aliĝilon.

## DISTINCTIONS HONORIFIQUES

Dans le numero de septembre de "La FERVOJISTO", nous relevons que Monsieur MOLLION, président-général de l' Union Artistique et Intellectuelle des Cheminots Français et de la Fédération Internationale des Sociétés artistiques et intellectuelles des Cheminots (UAICF et FISAIC) a reçu la "Coupe de l'Amabilité" attribuée chaque année par le Conseil Municipal de Paris au fonctionnaire le plus aimable...

...et que la Médaille d'Or des "Services Bénévoles" a été décernée à Mademoiselle ODETTE ESTRADE, du groupe Nord-Est des Cheminots parisiens Espérantistes, pour son action conséquente en faveur de l'Espéranto..

...tandis que nous apprenons par le Bulletin Officiel des Décorations du 29 septembre 1962 que notre ami LUCIEN LECLERCQ, également des Cheminots Espérantistes, a été fait Chevalier du Mérite social en raison de ses activités en faveur des oeuvres sociales.

Qu'ils veuillent bien accepter ici nos plus sincères félicitations

# KRONIKO

## ĈE LA RANDO DE L'ABISMOJ

"La abismoj kuŝas en ni, ĉiam..."

Tiu unua verso de la unua poemo (PROFUNDOJ) de la poemaro de Edwin de KOCK (1) donas la tonon de la tuta libro. Se la vorto METAFIZIKO estas iel netaŭga por stampi la hodiaŭan esperantlingvan poezion (2), ĝi plene konvenas al Edwin de Kock, kiun Marjorie Boulton difinas kiel "juna, bonkora, altintelekta, sud-afrikano blanka, kiu loĝante ĉe la rando de vulkana kratero, plene konas ne nur la tragikon de la vivo, sed ankaŭ la timigan komplikecon" - (3).-

La poezio de Edwin de Kock estas senhezite metafizika, kaj la deirpunkto de tiu metafiziko estas unu obseda ideo, aperanta preskaŭ en ĉiu poemo: la Morto rikananta, nedisigeble ligita kun la Tempo forkuranta, kiu diserigas (tiu vorto plurfoje renkontiĝas) la personecon kaj kiam la Historio, kiu forglutas homojn kaj jarcentojn. Sed la morto ne estas nur temo de meditado por la poeto, ĝi estas fonto de profunda tristo (legu: "Nokta Meditado", p.82 kun la obseda demando: "Kie estas via juno" kaj la fina ŝlosila vorto: "mia tristo"), ĝi estas objekto de malamo kaj ribelo:

"Dum mi daŭros, mi tenados pugnon
kontraŭ l'kosma krimo..."

(Floro el vivbukedo)

"Vivi, vivi, kiel arda forno
mi deziras, por postlasi fine
kontraŭ vi malbenon en cindroj"

(Odo al la Morto)

- o -

Sole venkas la Morton la arto - kaj aparte la poezio, konsiderata kiel deliro (Kp "Malkontento" kaj "John Keats"). Kaj tiuj konsideroj pri la arto kondukas al rando de alia abismo, tiu de la homa animo. Fakte, ambaŭ polusoj - la Kosmo kaj la Individuo - estas nedisigeblaj. Sed la kontemplado de si mem, kiu naskis tiun memorendan verson:

"La ampleksa koro ĉiam restas sola"
(p.89)

kondukas ĝis la rando de narcisismo (Pri la estonteco de miaj poemoj).

Kronas la poemaron nefinverkita epopeo La Konflikto de la Epokoj, vizio de la poeto pri la prahistorio de la Homo (la publikigita parto temas la ribelon de Lucifero kontraŭ Dio). Ambicia entrepreno, kies sekvon ni atendas.

La poeziaj iloj de Edwin de Kock ĉefe konsistas el bildoj kaj el sen interrompa rilatiĝo de tiuj bildoj al la abstrakto. Oni vidu ekzemple la poemon "Mia Muzo", sistemigo de tiuj "korespondoj". Sed fojfoje tiu ludo per la vortoj preteriras la intelektan efikon kaj atingas veran poezion. Mi pensas ne nur pri tiuj bildoj, kiujn ĉiu rimarkos pro ilia nekutimeco (kvankam ili odoras iom superrealismon):

"La mateno tra makzeloj ruĝaj
glutis la urbegon"

aŭ

"La nokto gustas dolĉa
kvazaŭ nigra vin' "

sed pri tiaj versoj, kiuj meze de deklama patoso, surprizas per sia freŝeco kaj elvokiveco:

"ĉe la lima horo de l'eterno
ankaŭ viaj blankantivaj haroj
portos junan diamantan roson
de l'unua, praa kremateno"
(Odo al Dio)

"Ne plu la suda kruco juvelanta sur
la brusto de la nokto pendis"

"...la unuaj navigantoj
kiuj ĉirkaŭvelis sian teron
kaj revenis kun kargoj de rakontoj

(La Konflikto de la Epokoj)

kaj pri la komenco de la diluvo:

"Tiam tondris kaj ekplumbis sur nin
la unuaj grandaj pluvogutoj"

Kaj tio pruvas, ke la hermetismo ne estas la plej rekta vojo al vera poezio.

Mi volas ankoraŭ citi la "Hajkojn" (p.46), kaj el ili la plej rimarkindan:

"Ni vivruletas
"kaj el la lumkazino
"eksteren stumblas"

kaj la "Adiaŭon" (p.68) kies konstruo kaj rimaranĝo nepre memorigas la samtitolan poemon de Apollinaire

La stilo de Edwin de Kock bezonus apartan studon, kion mi lasas al niaj literatur-esplorantoj (sed ili ne svarmas!). Mi nur indiku pre terpase la trafan vorton ĉui (analoge al jesi, nei ...) la elipsajn konstruojn, kiel ekzemple:

"Mi nun leviĝis de sub via sprio
korpo nur kolero... (p.41)

kaj la kunmetitajn vortojn, uzatajn sisteme, ofte trafajn, sed foje deĉifrendajn. La poeto ankaŭ ludas per vortkuniĝoj, kiuj naskas sonludojn (statustatura, buntabunda, sen ĉesa ĉaso) kies efekto ne estas ĉiam sukcesa. Kelkaj sonrenkontiĝoj estas eĉ rektaj mispaŝoj: kiel la poeto povis preterlasi "antaŭ aŭto" (p.125) aŭ "en negliĝ' ŝi staris" (p.126)?

En postparolo (Mia prozodio) E. de Kock eldiras kelkajn elementajn verojn pri la karaktero de la esperanta poezio. Estas j a evidenta fakto, ke pro sia vorta konsisto, nia lingvo prezentas trokeojn kaj amfibrakojn, kaj ke jambo estas maloftega fenomeno. Sufiĉas reveni al la fontoj de nia poezio, kiam ankoraŭ ne efikis la influo de antikvaj aŭ naciaj prozodioj, por retrovi la tipajn skemojn (La Espero: trokeoj; La Vojo: amfibrakoj). Sed kial, asertinte, ke la parola unuo estas "la vortgrupo samspire kaj senpaŭze eldirata" la aŭtoro akcentas en la cititaj versoj de Kalocsay la vortojn de, kaj, por, el, k.a. kiuj ne estas akcentitaj?

En la verso:

"Ah, legi longe el okula helo"

mi vidas ne ses akcentojn sed kvin.

Sed ankaŭ la aserto, ke "la poezio...apelacias al la orelo" gravedas je konsekvencoj. Ĉar se la "natura, psikologia disiĝo de la vortoj" postulas, ke oni vidu en"elektraj langoj" unu amfibrakon kaj unu trokeon, oni ankaŭ devas konfesi, ke en laŭta skandado, la orelo aŭdos "la monstraĵon" elek/traj langoj, do vole-nevole perceptas jamban ritmon. Tio estas neevitebla pro la fakto, ke en nia lingvo akcentita silabo estas plejofte ankaŭ plilongigita. Tio evidentiĝas se oni muzikigas la versojn. Prenu ekzemple La Tagiĝon, kaj sub la samtempa efiko de la ritmo (fortaj kaj malfortaj pulsoj) kaj de la longeco de la notoj, vi aŭdos:

Agor/du la brust/ojn ho ni/a fratar'

kaj tiel plu. Tipa ekzemplo de jamba efekto malgraŭ amfibraka verskonstruo.

La problemo do ne estas tiel fa-

# L'ESPERANTO DANS LE MONDE

AUTRICHE
========

La Fédération Autricheienne des Cheminots espérantistes a été autorisée à apposer un panneau d'informations sur l' Espéranto dans chaque gare, s i u n responsable qualifié habite la ville. 50 panneaux ont déjà été installés.

BELGIQUE
========

La grande Brasserie PIEDBOEUF, consciente d e la diversité des langues parlées par ses visiteurs a décidé d' ajouter l' Espéranto aux langues des pays du Marché Commun. En conséquence, elle a engagé un espérantiste comme interprète qui est à la disposition exclusive des groupes espérantistes (10 à 40 personnes) qui désirent visiter ses usines.

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxox

cila, kaj oni devos sendube akcepti ke en Esperanto kiel en aliaj lingvoj ekzistas latenta konflikto inter la "natura" disiĝo de la vortoj kaj ilia poezio skando.

Michel DUC GONINAZ
==================

(1) Edwin de Kock:OMBROJ DE LA KVARA DIMENSIO - Antaŭparolo de M. Boulton - STAFETO: Beletraj Kajeroj n°7 - J.REGULO, eldonisto, Tenerifo (Kanariaj Insuloj), 1961 - I9/I2 cm 160 paĝoj - Eldonnombro: 1000 ekz.- Prezo: 7,50 NF.

(2) en la Esperanta Antologio

(3) en la Antaŭparolo

TCHECOSLOVAQUIE
===============

La Société Nationale d' Edition ORBIS a, de nouveau, cette année, publié en espéranto un dépliant, sous le titre: "La Tchécoslovaquie en chiffres". Statistique concise sur la population, l' investissement dans la construction, l' industrie, l' agriculture, l e commerce extérieur, le niveau de vie, le commerce et la consommation intérieurs, l' éducation, la culture, etc... Ce document est fourni sur demande (en espéranto) adressée à "Eldonejo ORBIS - PRAGO"

CHINE
=====

A partir de cette année (scolaire), l'Espéranto figure parmi les matières d' études du Collège des Langues Etrangères de Pékin. Ce collège est l' un des établissements d' état où se forment les enseignants de langues étrangères.

L'Espéranto y est enseigné comme seconde langue aux étudiants qui la choisissent. Les cours dureront deux années.

ALLEMAGNE
=========

A HAMBOURG se sont réunis une vingtaine de savants des branches les plus diverses, dont la tâche unique est d' étudier de quelle manière ceux - ci pourront pleinement aider à la diffusion de la langue internationale.

L'un des buts de ce nouveau groupe d' étude est une action raisonnée pour l' emploi de l'Espéranto parmi les savants. En vue d' un contact permanent avec le Centre d' Espéranto de Hambourg e t le Club Esperanto d e s Etudiants, leurs présidents ont été cooptés comme membres d' honneur du Groupe Académique pour l' Espéranto, dont le président actuel est le docteur W. HOLLNAGEL assisté de MM. Klaus SCHLUTER et Dr W. DORMANN.

MIA VOJAĜO TRA FRANCUJO
======================

Invitita de la Unuiĝo Franca por Esperanto, mi alvenis Parizon la 14-an de Junio aervoje el Varsovio, por fari prelegovojaĝon tra Francujo. En mia vojaĝo akompanis min mia filino EVA, konata de la aŭskultantoj de esperantaj elsendoj de la Radio-Varsovio, kiel Plastuleto. La sekvintan tagon post la alveno, mi jam prelegis en la klubejo de la parizaj samideanoj en la stacidomo Saint-Lazare.

La 16-an de Junio mi eltrovis min en Besançon, kie la lokaj esperantistoj organizis ekskurson al Svislando, invititaj tien fare de la svisaj samideanoj. Ankaŭ mi kun la filino partoprenis la ekskurson, sed pro manko de la valida vizo, ni ne povis trapasi la svisan landlimon. Ni do pasigis belegan plensunan tagon en la ĉelima vilaĝo Goumois. Vespere, sur la ponton super la rivero Doubs, kiu dispartigas la du ŝtatojn, venis ne nur revenantaj francaj esperantistoj, sed ankaŭ la svisaj; ĉi tie, sur la ponto, kun la ĉeesto de francaj kaj svisaj limgardistoj okazis agrabla internacia kunveno.

Lunde, la 18-an de Junio anoncita per la gazeto "Les DEPECHES"okazis publika kunveno en la salono V. Hugo de la Asocio kultura franca.La menciita ĵurnalo la sekvintan tagon raportis pri la kunveno aperigante ne nur du fotojn, sed ankaŭ grandan duonpaĝan artikolon pri Esperanto, ĝia movado en Besançon kaj pri la agado de la lokaj esperantistoj kun S-ino TRESORIER ĉefrunte.

De Besançon, nia vojo gvidis nin al LYON. Dum tritaga restado en la urbo, kun la helpo de la oferemaj samideanoj kaj ĉefe samideaninoj, ni vizitis plej interesajn Lyon-ajn antikvaĵojn,kaj partoprenis la renkontiĝon de esperantistoj en ilia kunvenejo ĉe la strato Major Martin Akompanataj de F-ino CLAVIER ni vizitis la redakciojn de la ĵurnaloj "Le PROGRES" kaj "DERNIERE HEURE LYONNAISE", kiuj skribis p r i la okazinta kunveno.

La 22-an de Junio ni estis en la pitoreska urbo THIERS, kie S-ano DESSAPT organizis en la Teknika ŝtata liceo du niajn prelegojn.La unuan por la liceanoj, kaj la duan por la lokaj esperantistoj kaj simpatiantoj. Estas substrekinde, ke inter la liceanoj, kiuj estis ĉirkaŭ 100, 25 lernantoj partoprenas la esperanto-kurson organizitan en la liceo. (La raporto pri la kunveno aperis en la gazeto "LA MONTAGNE").

Nia mallonga restado en CLERMONT FERRAND, kien ni alvenis la 23-an de Junio, komenciĝis per agrabla ekskurso de la tuta esperantista grupo al la pinto de la iama vulkano Puy-de-Dôme (1465 m.). Vespere, en la komerca lernejo, okazis esperantista kunveno, dum kiu mi ne nur parolis sed ankaŭ havis la honoron enmanigi la atestilojn al tiuj samideanoj, kiuj sukcese trapasis la elementan kaj pli altan esperantajn ekzamenojn.

Post dutaga restado en Clermont-Ferrand, jam la 25-an ni prelegis en la salono de la Lernejo de l'Kombistaj Artoj en la papa urbo Avignon (la raporto en la ĵurnalo "Le PROVENCAL). Vizitinte la antikvajn memoraĵojn el la historio de la urbo, ni forveturis al MARSEILLE.

Nia publika agado en la havenurbo Marseille limiĝis nur al la intervjuo, kiun ni donis kune kun la Prezidanto de la E-grupo, S-ro H.BOURDELON, por la Marsejla radiostacio. Interparolon antaŭ la mikrofono partoprenis ankaŭ Plastuleto, kiu salutis ĉiujn samideanojn, loĝantajn en Marseille kaj en la pro-

venca regiono. Akompanataj de F-ino Ch. GARRIGUE, ni vagis tra la urbo, kaj vizitis la faman insuleton kaj kastelon "Château d'If".

La 28-an de Junio, ni venis por tritaga restado en AIX EN PROVENCE. La unuan tagon okazis publika prelego en la salono de la "Mutualité" pri la Historio de Pollando. La sekvintan tagon, en la kunvenejo de la loka grupo, mi renkontiĝis kun gesamideanoj, kaj parolis pri esperantaj elsendoj de Pola Radio. Antaŭ la kunveno, ni estis akceptitaj kun S-ano JULLIEN kaj aliaj plej aktivaj esperantistoj fare de la vicurbestro, S-ro RAFFAELI. (Antaŭ la kunveno dufoje aperis anoncoj en la gazeto LE PROVENCAL kaj poste raportis pri la kunvenoj LE PROVENCAL, LE MERIDIONAL kaj LA MARSEILLAISE).

Post unutaga ripozo, ni forveturis al MONTPELLIER kie la prelego okazis en la freŝa aero sur la korto de la citadelo. Pro la loko kaj agordo de la renkontiĝo organizita de nelacigebla S-ano LENTAIGNE tiu prelego estis unika dum la tuta vojaĝo.



S-ano LUTOGNIEWSKI enmanigas al la vicurbestro de AIX malgrandan blazonon de Varsovio - la Sirenon -.
De maldekstre staras Gesinjoroj Siarri, Daneels, Jullien, "Plastuleto", Lutogniewski, vic-urbestro Raffaëli, Lebrun, Siarri, C.Julien (kliŝo Heroldo)

Vizitinte laŭvoje PERPIGNAN kaj tie la prezidanton de U.F.E. S-anon LLECH-WALTER, la 4-an de Julio ni venis al TOULOUSE, kie D-ro ALBAULT per granda artikolo aperinta en la DEPECHE DU MIDI kaj per 300 presitaj invitiloj anoncis la "Polan Vesperon" en la granda salono de la Pedagogia Muzeo. La temo de la prelego estis "TADEO BOY-ZELENSKI", plej granda pola tradukisto de la franca literaturo". Kune kun D-ro ALBAULT, mi donis intervjuon por la ĵurnalo "La Dépêche du Midi" kaj du aliajn por la loka radio-stacio.

Post la rondvojaĝo, mi partoprenis la Kulturajn Feriojn en la kastelo Grésillon, kie mi sesfoje prelegis pri diversaj temoj, kaj mem aŭskultis interesajn muzikajn prelegojn de S-ano Roland DUPUIS el Svedujo.
En ĉiu urbo de FRANCUJO, kie mi prelegis aŭ restadis kun la filino dum nia vojaĝo, ni ĉie renkontis e g e amikajn, gastemajn kaj helpemajn samideanojn dank'al kiuj nia prelegvojaĝo estis ege agrabla kaj por ĉiam restos en nia memoro.

Zbigniev LUTOGNIEWSKI
====================

xoxo xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxo xoxoxox

MONDA KULTURO
=============

Tiu nova aperonta kultura revuo havos la normalan formaton de la revuo "ESPERANTO" kaj amplekson de 32 paĝoj; pro ĝia aperado, ne plu aperos la kajero "Belarto"
La jarabono al la nova revuo, kostas 21 NF.

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxox

Le Gérant: Jean GUILLAUME
-----------------------------------------
L'Imprimeur: S.T.T.E.C.
188 Faubourg Saint-Denis - PARIS IO
xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxox

# VIVA DE LA GRUPAJ !

NORDFRANCA FEDERACIO

Tri renkontiĝoj okazis en LILLE (22/4), BULONJO ĉe MARO (12/5) kaj AMIENS (7/10). Kelkaj eksterlandanoj ĉeestis tiujn aranĝojn, inter ili S-ro NIŜIUMI (Japanujo), S-ro BEN WEBER (Nederlando).

Dum la lernojaro, okazas grup-kunvenoj ĉiusemajne en Arras kaj Hénin-Liétard, ĉiumonate en Lille, Roubaix, Tourcoing, Valenciennes.

Kvar lernantoj el la departemento Nord sukcesis la ateston pri kapableco.

LES ANDELYS

La 17-an de Junio okazis la disdono de la premioj kaj de la diplomoj al la gelernantoj de la Esperanto-kursoj. Por danki la klubon, ili kantis, deklamis, muzikis. La plej aĝaj prezentis du scenojn el la "Mokindaj Preciozulinoj", en traduko de André Ribot.

Dum S-ino VINCENT ĉeestis la U.K. en Kopenhago, Josette CARON (12-jara) partoprenis la infankongreseton, kelkajn kilometrojn for de la dana ĉefurbo.

13 infanoj enskribiĝis por la kursoj, kiuj komenciĝis fine de septembro.

---

ANONCOJ

S-ano Filipiak ROMAN, ul. 1 -go Maja 32 - STRZEMIESZYCE pow.Bedzin- (Pollando) deziras korespondi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn.

S-ro Antonio GIOTTA, via Gallicratide 69 - AGRIGENTO (Italujo) deziras korespondi pri folkloro kaj ricevi bildkartojn pri regionaj kostumoj. Li nepre respondos.

ROMANS

Organizita de la grupo "B o n a Stelo" en Romans (Drôme), sub aùspicio de Departementa Esperantista Federacio, verŝajne unika en Francujo, la 4-a Internacia Esperanto-Semajno aranĝita intence al samideanoj, kiuj pro dato de la ferio, ne povas viziti U.K.-on plene sukcesis

Dum unu tuta semajno, nombro da samideanoj, kiu variis inter 27 kaj 50 vivadis en tutamikeca atmosfero.

Tri tutatagaj ekskursoj kondukis la partoprenintojn al mondfama Vercors, al Antaùalpoj, al fama subtera groto "Aven d'Orgnac".

La karavano estis honore akceptita de S-roj Urbestroj en Romans, Bourg-de-Péage, La Chapelle-en-Vercors, Vallon-Pont-d'Arc, loko de la unua tendejo "Zamenhof".

Entute tre bona tempo por ĉiuj, se oni fidas la leterojn de la partoprenintoj skribitajn post la reveno hejmen.

CLEON

Nia grupo estas nun dujara. Kaj ni havas propran ĉambron tre taùgan kie ni povas aranĝi kunvenojn, kursojn, akcepti vizitantojn.

En marto, S-ro BOSC prelegis pri lingvoscienco kaj poste oni projekciis bildojn pri la kongresoj en Mainz kaj Varsovio, pri la kulturdomo de Grésillon.

En majo, ni akceptis 5 jugoslavojn post ilia ĉeesto de la normanda kongreso. Akompanataj de nia prezidanto, S-ro CHAMARET, ili vizitis la uzinon RENAULT, kies direktoro kaj subdirektoro honorigis per sia ĉeesto la vesperan kunvenon en nia klubejo. Dum tiu, oni multe tradukis ĉar estis multe da demandoj.

Ĉiu membro nia havas unu aù plurajn korespondantojn, ĉar ni volas provi ebligi la rilatojn kun eksterlandaj grupoj. Ni ĉiam afable akceptas la vizitantojn kiuj trapasas nian regionon Elbeuf-Cléon.

# SERVICE DE LIBRAIRIE

## ETUDE ET ENSEIGNEMENT

L'Espéranto, cet Inconnu...... 1,25
Espéranto-manuel (Chavet-Warn) 5,00
Manuel d'etude (Couteaux...... 4,50
Ni parolu en Esperanto (Ribot) 4,70
L'Espéranto en 12 leçons......I3,00
Ludoviko en Nederlando....... 11,00
Espéranto, fil d'Ariane...... 12,50
Plena Gramatiko (vol.I)...... 12,00
Lingvo kaj Vivo.............. 20,00

## DICTIONNAIRES

Léger-Albault (F+E).......... 20,50
Waringhien (E+F)............. 30,00
Lexique Léger (E+F).......... 5,40
Naùlingva Leksikono (Bastien) 10,00
Plena Vortaro de Esp° ....... 15,00
Scienca k Tekhika Terminaro.. 20,00
Vocabulaire de poche (Bastien 2,40

## HISTOIRE DU MOUVEMENT

Le Docteur Espéranto......... 6,50
La Esperanto Movado.......... 3,00
La Internacia Lingvo......... 8,50
Leteroj de Zamenhof (2 vol.). 20,00
Originala Verkaro de Zamenhof I8,00
Vivo de Zamenhof (Privat).... 4,50
Historio de la Lingvo Esp°... 8,50

## LITTERATURE

Angla Antologio.............. 14,00
Akbar (Brouwer).............. 5,50
Aventuroj de Marteno Drake... 4,50
Barbro kaj Eriko............. 1,00
Brulanta Sekreto............. 3.30
Colomba (Mérimée)............ 1,70
Fabiola...................... 7,50
Forto de l'Vero.............. 3,50
Ĝoja Podio (Schwartz)........ 4,50
Hundo Kruso ................. 2,50
Infanoj en Torento (2 vol.).. 5,60
Invito al ĉielo ............. 4,50
Karlo (E.Privat) ............ 1,20
Malsata ŝtono (Tagore)(bind.) 15,00
Miru, Pensu, Ridu ........... 9,00
Normandaj Rakontoj .......... 17,00
Princino de Marso ........... 1,70
La Revizoro (Gogol) ......... 4,50
Sep Vangofrapoj ............. 3,30
Taglibro de Anne Frank....... 11,50
La tempo-maŝino (Wells)...... 1,70
La Verda Raketo (Forge)...... 11,25
La Virineto en Bluo.......... 3,30
Vitralo (John Francis)....... 6,00
Eroj (M.Boulton)............. 12,50
Esperanta Antologio.......... 18,50
Dana Antologio............... 16,50
La Floroj de l'Malbono....... 13,50
Kontralte (M.Boulton)........ 10,00
Georgo Dandin ............... 3,00
Jozefo ...................... 5,60
La Mokindaj Preciozulinoj.... 1,20
Peer Gynt (Ibsen)............ 11,20
Sonĝe sub Pomarbo............ 10,00
La Stranga Butiko............ 3,00
Quo Vadis (trad.Lydia Zamenh) 14,00
Koloroj (J.Baghy)............ 4,50
Sekretoj de la Marestaĵoj.... 7,00

## RELIGION & PHILOSOPHIE

Maksimoj de La Rochefoucauld. 2,00
La Nova Testamento........... 3,00
La Sankta Biblio............. 10,00
La Vivo de N.S. Jesuo........ 5,00

## GEOGRAPHIE ET VOYAGES

Aùstralio, lando kaj popolo.. 3,50
Ekspedicio Kon-Tiki.......... 18,50
Kanako el Kananam............ 11,00
Nepalo malfermas la pordon... 15,00
Pariza Gvidlibro Ilustrita... 3,00
De Parizo al Lazura Marbordo. 1,00
Tempesto super Akonkagvo..... 11,00

## ARTS SCIENCES TECHNIQUES

Atakoj kontraù ĝardenplantoj. I5,50
Retoriko (I. Lapenna) (bind.) 16,50
Vivo de la Plantoj........... 11,50

## DISQUES

Disque de prononciation...... 4,00
Parolado de Lapenna.......... 8,50
Diversaj Melodioj............ 10,00

Frais d'expédition et de poste:
20% jusqu'à IONF-I5% jusqu'à 20 NF. et 10% au-dessus. Les commandes sont à adresser avec les fonds à U.F.E. 34 rue de Chabrol - PARIS C.C.P.PARIS 855.35